# PENSEO

N-ro 142

Aŭg./2003

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 13-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm


**Guozhu**

## Fierinda Rekordo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-Sudo
Penseo
nun en kompleto
de cent kvardek numeroj
aperas en la reto—
venk' de stafeto.
(2003-07-09)

**Liu Zongyuan** (773—819)

## Rakonto pri Serpentkaptisto

En la sovaĝejo de Yongzhou vivas stranga speco de serpentoj kun blankaj strioj sur la nigra haŭto. Se ilia venena likvaĵo hazardefalas sur herboj aŭ arbedoj, ili tute formortiĝas; se tiuspecaj serpentoj mordas homojn, la vundoj ne estas kuraceblaj. Tamen, se oni, kaptinte la serpentojn, sekigas ilin por elfari medikamenton, ili estas utilaj por kuraci tiajn malsanojn kiaj lepro, konvulsion, kolsvelado, maligna furunko, kaj krome por forigi nekroziĝintajn muskolojn kaj mortigi diversspecajn parazitojn. Komence, la palaca kuracistoj, pere de la ordono de la imperiestro, rekvizis tiuspecajn serpentojn dufoje ĉiujare kaj varbis tiujn, kiuj kapablas kapti la serpentojn. Kaj la ordono diris, ke oni povas kontribui serpentojn anstataŭ terimposton, tiel ke la lokanoj en Yongzhou konkure faris tion.

Estis serpentkaptisto je la nomo Jiang, kies familio sin okupas pri serpentkaptado por tri generaciojn. Demandite pri tio, li rakontis, "Mia avo mortis pro kaptado de serpentoj, ankaŭ mia patro. Kaj mi daŭrigas ilian karieron jam dek du jarojn, kaj mi eskapis el la mano de morto kelkfoje." Tion li diris kun granda malĝojo.

Mi tre kompatis lin, dirante, "Ĉu vi malamas vian karieron? Se tiel, mi povas persvadi la lokan oficiston por ŝanĝi vian nunan karieron al antaŭa terimposto. Kiel vi opinias pri tio?"

Kun malĝoja mieno, Jiang, larmante, diris, "Ĉu vi kompatis min, por ke mi pluvivu? Do, mi preferas suferojn kaŭzitajn de ĉi tiu kariero al tiuj de terimposto. Se mi ne prenus ĉi tiun karieron, mi jam falus en absolutan malriĉecon. Ekde la generacio de mia avo sesdek jaroj forpasis. La vivo de vilaĝanoj fariĝas pli kaj pli mizera. Ili fordonis kiel imposton ĉion, kion ili rikoltis en la kampo, kaj ĉiujn lukrojn akiritajn de la familianoj. Ili plore kriis por helpo, vagis ĉien, suferante malsaton kaj malvarmon, kaj fine forfalis pro ekstrema laco. Kaj turmentitaj de pluvo kaj vento, kaprica vetero, kaj miasmo, ili formortis unuj post aliaj. Antaŭe, el dek familioj, kiuj vivadis en la vilaĝo de mia avo, restis nur unu, kaj el dek familioj, kiuj vivadis en la vilaĝo de mia patro, restis nur du aŭ tri, kaj el dek familioj, kiuj vivadas en mia vilaĝo dek du jarojn, restas nur kvar aŭ kvin. Iuj familioj tute formortis, kaj aliaj translokiĝis. Kaj ni serpentkaptistoj ĝisvivas. Kiam tiuj ferocaj pedeloj alvenis al nia vilaĝo, ekleviĝis kriado, blasfemado kaj tumultado. En tiel malorda kaj minaca situacio, eĉ hundoj kaj kokoj ne povas vivi kviete. Mi ellitiĝis zorgeme kaj pririgardis la porcelanan vazon, kie kuŝis la kaptitaj serpentoj. Se ili ankoraŭ restis, mi trankviliĝis kaj iris por enlitiĝi. Mi ilin manĝigis kun grandaj zorgoj, kaj laŭ la fiksita dato, ilin prezentis al la oficisto. Post tio, mi revenis kaj vivis per la rizo produktita el mia kampo. Tiamaniere mi pasigos mian restantan tempon. En unu jaro, escepte du fojojn je kiuj mi devas riski mian vivon, mi povas pasigi mian tempon komforte kaj senzorge. Neniel mi troviĝas en danĝero kiel aliaj vilaĝanoj ĉiutage! Nun se morto okazus al mi pro serpentkaptado, mi jam mortus post multaj vilaĝanoj.

Kiel mi povus malami mian karieron?”

Aŭdinte liajn vortojn, mi sentis pli grandan malĝojon. Konfuceo diris, “Kruela regado pli ferocas ol tigroj!” Mi iam dubis tiun aserton. Nun kiam temas pri Jiang, tio ja estas vera. Ve! Kiu scias, ke tiuj multaj impostoj venenas ol la serpentoj! Mi prezentas tiun fakton por tiuj, kiuj faras enketadon pri la situacio de la plebanoj.



elĉinigis Chen Changhai

## Lusin (1881—1936)

### De Centherba Ĝardeno al Trigusta Legoĉambro

Malantaŭ mia domo troviĝis granda ĝardeno, konata en mia familio kiel Centherba Ĝardeno. Nun ĝi estis jam delonge forvendita kune kun la domo al la posteulo de Zhu Xi[1] kaj sep aŭ ok jaroj forpasis post mia lasta vizito al ĝi. Mi estas certa ke en ĝi vere kreskis nur iom da sovaĝaj herboj, sed en mia infanaĝo ĝi estis por mi paradizo.

Mi ne bezonas paroli pri la smeraldaj legomparceloj, la glata put-balustrado el ŝtono, la alta akacio, la purpure ruĝaj morusoj; nek pri la cikadoj kiuj longe ĉirpis inter folioj, la dikaj vespoj kiuj sidis sur rapofloroj, aŭ la facilmovaj alaŭdoj ekĵetantaj sin de la herbaro al la ĉielo. Nur la piedo de la malalta tera muro ĉirkaŭ la ĝardeno jam estis por mi fonto de senlima intereso. Ĉi tie kampaj griloj kantis softe, kaj hejmaj griloj ludis liuton. Turnante rompitan brikon renverse, vi povis trovi skolopendron. Troviĝis ankaŭ cicindelo, kiu ellasis vaporon el sia anuso, se vi premus ties dorson per fingro. Poligonatoj (*Polygonum multiflorum Thunb*) interkroĉiĝis kun lianoj de grimpanta figo kiuj havis frukton kiel lotussemujojn, dum poligonatoj havis dikajn tuberojn. Oni diris ke ties tubero havis kelkfoje la formon de homa figuro kaj tiu, kiu manĝis ĝin, povis fariĝi senmortulo. Tial mi ofte eltiris la poligonatojn, kies tuberoj kroĉiĝis unu al la alia kaj sekve difektis eĉ la teran muron, sed mi trovis neniun tuberon similan al la homfiguro. Se vi ne timis dornojn, vi ankaŭ povis plukakiri frambojn kiuj similis al globetoj el malgrandaj koralaj bidoj kaj estis acidaj kaj dolĉaj, kaj kies koloro kaj gusto multe superis tiujn de morusoj.

Inter la longajn herbojn mi ne iris, ĉar laŭ onidiro sin kaŝis granda ruĝa serpento en tiu ĉi ĝardeno.

Mama Chang foje rakontis al mi tiun ĉi historion: Iam vivis instruitulo, kiu loĝis en malnova templo por studi. Iun vesperon, kiam li estis ĝuanta freŝan, malvarmetan aeron en la korto, subite li aŭdis iun voki lian nomon. Respondante li observis ĉirkaŭen kaj vidis super la muro la vizaĝon de belulino. Ŝi ridetis al li kaj poste malaperis. Li sentis grandan ĝojon, sed la sekreton malkaŝis la maljuna monaĥo, kiu vizitis lin por nokta babilo. Konstatinte sorĉan influon sur lia vizaĝo, tiu monaĥo diris, ke la instruitulo certe renkontis la “Belulino-serpenton”—la monstron kun homa kapo kaj serpenta korpo, kiu kapablis voki la nomon de homo. Se la vokito respondis, ĝi pretigis sin por veni noktmeze kaj devori lian karnon.

Nature la instruitulo estis timigita preskaŭ ĝismorte. Sed la maljuna monaĥo diris, ke nenio gravas kaj donacis al li malgrandan skatolon instrukciante, ke li nur metu ĝin apud la kapkuseno kaj li povos dormi tute trankvile.

Kvankam la instruitulo agis laŭ la instrukcio, tamen li neniel povis endormiĝi — kompreneble tio ne estis mirinda.

Noktmeze la monstro efektive alvenis. Aŭdiĝis siblado, kvazaŭ leviĝis vento-pluvo ekster la pordo. Ĝuste kiam li kuntiriĝis tremege, subite — tju — elflugis ora lumo el apud la kapkuseno, kaj ekestiĝis absoluta silento ekster la pordo. Tiam la ora lumo reflugis enen en la skatolon.

Kio poste? Poste, la maljuna monaĥo diris, ke tio estas fluganta skolopendro, kiu kapablas ensorbi cerbon de la serpento, kaj tiel la Belulino-serpento estis mortigita de ĝi.

El tio venis la instruo: kiam iu nekonata voĉo vokas vin, nepre ne respondu.

Tiu rakonto multe komprenigis min pri la danĝeroj kies viktimo estis la homa vivo.Kiam mi sidis eksterdome en someraj noktoj mi estis ofte timema, ne kuraĝante rigardi al la muro kaj forte deziris akiri skatolon kun fluganta skolopendro en ĝi kiel tiun de la

maljuna monaĥo. Kiam mi iris apud la densaj herboj en Centherba Ĝardeno, mi ankaŭ ofte pensis pri tio. Sed ĝis nun mi ankoraŭ ne akiris la skatoleton nek renkontis la ruĝan serpenton nek la belulino-serpenton. Ke nekonataj voĉoj vokis mian nomon, kompreneble tio ofte okazis, sed neniu el ili estis la "Belulino-serpento".

En vintro la ĝardeno fariĝis relative seninteresa; sed la situacio ŝanĝis tuj post la neĝfalo. Stampi neĝan figuron (per premado de via korpo sur la neĝo) aŭ skulpti neĝan budaon estas aferoj, kiuj devis venigi spektanton; ĉar ĉi tiu estis forlasita ĝardeno kun maloftaj vizitantoj, tiaj ambaŭ ludoj ne estis konvenaj, kaj mi preferis kapti birdojn. Maldika neĝtavolo ne taŭgis tiu-cele. Necesis la kondiĉo ke amasigita neĝo jam kovris la teron unu aŭ du tagojn, kaj tiam la birdoj ne havis lokon longtempe por serĉi nutraĵon. Forbalau la neĝon tiel ke montriĝu peceton da tero, instalu tie sur mallonga stango grandan bambuan kribrilon sub kiu iom da malplenaj rizeroj estu dissemitaj, ligu la stangon per longa ŝnuro, kaj tenu ĝin de malproksime kaj atendu. Kiam la birdoj alflugis kaj iris sub la kribrilon por bekmanĝi, tiam vi tiru la ŝnuron por kapti ilin. Sed la plejparto el la kaptitoj estis paseroj. Estis ankaŭ blankaj motaciloj ege sovaĝaj, ke ili ne povis postvivi eĉ unu nokton en kaptiteco.

Tio estis metodo kiun la patro de Runtu[2] instruis al mi, sed mi uzis ĝin ne sufiĉe lerte. Estis vere, ke la birdoj eniris mian kaptilon, mi eltiris la ŝnuron kaj alkuris, sed ofte trovis nenion ene. Post longa penado mi sukcesis kapti nur tri aŭ kvar birdojn, dum la patro de Runtu jam kaptis kelkdekojn en nur malpli ol duontago, li enmetis ilin en sia sako kaj tie ili kriis kaj interpuŝiĝis. Mi iam demandis lin pri la kialo de mia fiasko, kun kvieta rideto li diris:

"Vi estas tro senpacienca, kaj vi ne povas atendi ĝis la birdoj venas al la mezo de la kribrilo." (daŭrigota)

tradukis **Guozhu**

# EL *LAŬZI*

## ĈAPITRO 77



(Tiu ĉi ĉapitro komparas la Taŭon de la Ĉielo kun la socio. Laŭzi, la Taŭo de la Ĉielo estas la plej justa, dum la socio ne estas tiel justa, kiel la Taŭo de la Ĉielo, kaj el tio rezultas socia malkvieto. Laŭzi rimarkis, ke socia krizo minacas okazi en lia tempo, kaj li proponas sian solvon — "senagadon", neatribuon de merito al si mem kaj neparadon per siaj saĝeco kaj kapablo.)

Ĉu la Taŭo de la Ĉielo ne estas kiel pafarko,
Kiun oni streĉas por celado?
Kiam ĝi estas alta, oni devas ĝin iom malaltigi,
Kiam ĝi estas malalta, oni devas ĝin iom plialtigi.
Kiam ĝi estas tro streĉita, oni devas ĝin iom malstreĉi,
Kaj kiam ĝi estas nesufiĉe streĉita, oni devas ĝin iom pli forte streĉi.
La Taŭo de la Ĉielo estas
Malpliigi la eksceson por pliigi la nesufiĉon.
Sed la Taŭo de la homoj estas male —
Ĝi forprenas de tiuj, kiuj ne havas sufiĉon, por doni al tiuj, kiuj havas superabundon.
Kiu do povas doni el la pli-ol-sufiĉo al la mondo?
Nur tiu, kiu posedas la Taŭon.
Tial la Saĝulo[1] akcelas ĉiujn estaĵojn sen atribui al si la kontribuon;
Plenumante tion ĉi, Li vekas nenies atenton al sia faritaĵo,
Nek volas paradi per siaj saĝeco kaj kapablo.

[1] Vd. noton 1 de ĉap. 2.

## ĈAPITRO 78

(En tiu ĉi ĉapitro Laŭzi denove laŭdas la karakteron de la akvo. La akvo ŝajnas mola kaj malforta, sed nenio malmola kaj forta povas ĝin venki. El tio Laŭzi konkludas, ke moleco, malforteco kaj humileco kaŭzas ne perdon, kiel ŝajnas, sed efektive gajnon. Estante reĝo, oni devas, simile al la akvo, porti sur si la humiliĝon de la tuta regno. Tiamaniere li ŝajnas esti en la plej malalta loko, sed en efektiveco li konservas sian altan pozicion super la popolo.)

Nenio sub la Ĉielo estas pli mola kaj pli malforta, ol la akvo,
Sed, en atako al io malmola kaj forta, nenia forto estas komparebla kun ĝi,

Ĉar nenio povas ĝin anstataŭi.
La fakto, ke la malforta povas venki la fortan
Kaj la mola povas venki la malmolan,
Estas konata al ĉiuj sub la Ĉielo,
Sed neniu volas sekvi kaj praktiki tiun ĉi leĝon.
Tial la Saĝulo diris:
"Tiu, kiu portas sur si la humiliĝon de la tuta regno,
Povas esti ĝia suvereno.
Tiu, kiu portas sur si la katastrofon de la tuta regno,
Povas esti la reĝo de ĉiuj sub la Ĉielo."
Pozitivaj vortoj ŝajnas negativaj[1].

[1] T.e. veraj paroloj iafoje ŝajnas paradoksaj.

elĉinigis Wang Congfang

# Modernaj Poemoj

## Oreloj kun Flugiloj

Liang Ping

mi iutage trovis
ke oreloj ies translokiĝas
kaj aliĝas al fenestroj fremdaj

por pruvi la akrecon de oreloj
li uzas "laŭdiraĵojn" —
jen la plej bona kamuflaĵo

multaj ŝatas ja informojn
de aliaj homoj
tiam ne oreloj surdas

informojn ĉerpi
tio estas ago populara
emo disvolvanta

eligas la oreloj jen flugiloj
tian kaj ĉi tien vagas
mallaŭte zumas, zumas

ili gluas al alies ŝultroj
sekvas ĉe kalkanoj fremdaj
penetras en alies sonĝojn

se iutage l' mond' senvortas
vi, oreloj kun flugiloj
ĉu ankoraŭ aŭdas vi korbaton nian?

elĉinigis Velo

## Survoje

Xiang Yang

dum ĉi tiuj jaroj mi nur emas
transloki mian korpon
de ĉi tiu urbo al alia urbo
samkiel iam mi transdonis amon mian
de fraŭlino al fraŭlino

tamen pec' de spuro mia
ekzistas la tempdaŭro vigla
ĝin mi memorigas
en mia sango

do, kion mi transportos
de ĉi jar' al sekva jaro?

kiam mia memo ekmovitas
de ĉi jar' al sekva jaro
kvazaŭ de la ĉambro al l' alia
aŭ (rektdire) de la
lito al l' alia
la lignokubetoj min formantaj
forfalas unu peco post alia
atendu unu anekdoton aŭ alian
ilin levu jen popece

elĉinigis Liu Pei

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
..........................................
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
..........................................
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai,
Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 6366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_